

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 4 APRILO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

**Saksaj gekolegoj**

dankas la bonajn sukcesojn en sia lando krom la faka asocio ankaŭ al la Saksa Ligo, kiu ĉiam kaj ĉie agas por la celo de enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Pro tio

Saksaj gekolegoj, aliĝu al Saksa Ligo!

Adreso: A. Naumann, Johannes-Allee 12, Großenhain, Sa. Kotizo kiel grupano gm. 1.20 po jaro.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

**Angla:** F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50.304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 4
Aprilo 1930

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr.: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Voĉoj de l' homaro.

### Polaj sentencoj.

La amon inter la homoj oni devas semi kiel oran grenon, sed la rolon de l' malamo necese estas elŝiradi kaj piedpremadi.
Estimu la homon — jen instruo! Stefan Żeromski.
(Żeromski, granda verkisto pola, mortis en 1925.)

La homo ne estas kreata por larmoj kaj ridoj, sed por la bono de siaj proksimuloj. **Adam Mickiewicz.**
(Adam Mickiewicz, granda poeto pola, nask. 1798, mortis 1855.)

Ni laboru, por ke fariĝu justeco en la mondo, por ke la sublimaj vortoj: libereco, egaleco kaj frateco ne estu malviva litero. Jan Kasprowicz.
(Kasprowiĉ, poeto pola, mortis 1926.)

---

## Ne forgesu la 18-an de Majo, la „Tagon de Internacia Bona Volo"!

Jam de 7 jaroj la infanoj de Kimrujo el Cardiff la 18-an de Majo sendas oficialan alvokon per gazetoj kaj per radio al la infanoj de aliaj landoj, al la infanoj de la tuta mondo solenan alvokon, kiu celas propagandi la ideon de l' paco inter la popoloj kaj de internacia frateca sentado.

Dum la pasinta jaro 1929 la alvoko por la „Tago de Internacia Bona Volo" havis jenan tekston:

„Ni, knaboj kaj knabinoj en Kimrujo, el niaj montaroj kaj valoj, el niaj vilaĝoj kaj urboj, entuziasme salutas la knabojn kaj knabinojn de ĉiuj aliaj landoj sur la terglobo.

Niaj koroj estas emociitaj per la granda eĥo, kiun vekis nia ĉiujara alvoko kaj ni volonte zorgas pri la multaj amikaj rilatoj, kiuj ekestiĝis per ĝi.

Bonvolu, vi milionoj da infanoj, unuiĝi vin kun ni en la danko al la viroj kaj virinoj de ĉiuj rasoj kaj popoloj, kiuj laboras tiel serioze, por konstrui pli noblan, pli bonan mondon.

En la venonta jaro, 1930, la Ligo de Nacioj festos sian dekan naskiĝtagon. Ni energie decidiĝu hodiaŭ, helpi kun ĉiuj fortoj, por ke ĝi povu plenumi sian gravan taskon! Paco sur tero kaj frateco inter la homoj."

La alvoko estas forsendita en angla, franca, germana kaj hispana lingvoj kaj en multaj landoj tradukita nacilingve. [Mi legis*), ke oni sendis ĝin ankaŭ en Esperanto, sed mi ĝis nun ne vidis la koncernan tekston.]

Ĝi estas kun la sama entuziasmo, kun kiu ĝi estis forsendita, akceptita en 30 landoj, el kiuj oni respondis al ĝi. Eĉ el Sudafriko, Japanujo, Aŭstralio, Nov-Zelando alvenis respondoj. Kelkaj lernejoj kaj klasoj respondis, samtempe sendante fotografaĵojn; kaj gravaj institucioj tre aklamis la tutan entreprenon.

Estas treege dezirinde, ke ankaŭ ĉiuj klasoj kaj lernejoj, en kiuj oni lernas Esperanton, respondu al la alvoko de la 18-a de Majo. Esperanto ja en si mem enhavas la belan ideon de la „Tago de Internacia Bona Volo".

Ne estos necese, skribi longajn leterojn. La gvidanto de la tuta afero en Kimrujo, s-ro Gwilym Davies, skribis en la gazeto „La Jeunesse et la Paix du Monde", ke sufiĉos la jenaj tre simplaj (sed vere kortuŝaj) vortoj: „Nos pères ont dû faire la guerre; nous, de tout notre coeur, nous voulons faire la paix".

Do, helpu gekolegoj ĉiulandaj, por ke la „Tago de la Bona Volo" kun sia bela alvoko de la kimraj infanoj trovu eĥon ankaŭ en la koroj de viaj Esperanto-lernantoj. Helpu, unue por la afero mem, sed faru tion ankaŭ pro la propagando de Esperanto, ĉar la impreso estos tre granda, se multaj leteroj alvenos skribitaj en Esperanto.

Ne estos necese, ke ĉiu infano skribu leteron. Unu skribu ĝin, la aliaj subskribu ĝin.

Sed ne forgesu, en via letero, Esperante skribita, diri ion pri la taŭgeco de Esperanto kiel internacia lingvo ankaŭ por la internaciaj interrilatoj de la tutmondaj infanoj.

Vi povas skribi jam tre baldaŭ. Nepre ne forgesu forsendi la leteron tiel, ke ĝi alvenu antaŭ la 18-a de Majo.

Permesu ke mi donu al vi modelon por la letero, kiun vi kaj viaj gelernantoj ja povas ŝanĝi tute laŭplaĉe kaj laŭbezone:**)

---

*) En oficiala sciigo de D-ro Gwilym Davies; komp. „La Jeunesse et la Paix du Monde". Journal paraissant le 18 Mai de chaque année, date anniversaire de la I-re Conférence de La Haye „Jour de la Bonne Volonté Internationale" 18 Mai 1929. —

La gazeto estas havebla je la prezo de 15 centimoj ĉe: Imprimerie Coopérative „La Laborieuse", 10, rue Emile Jamais, Nîmes (Gard) Francujo.

**) Ju pli diversspecaj estos la leteroj, des pli bone. Lasu al la infanoj plenan liberecon. Sed ili nepre atentigu en la letero pri Esperanto!

Karaj amikoj en Kimrujo!

Ni konas viajn regulajn alvokojn dum la pasintaj jaroj, kiuj celas unuigi la infanojn en la tuta mondo. Ankaŭ ni volas esti viaj amikoj kaj amikoj de ĉiuj, kiuj laboras por la paco en la mondo. Ni volas, ke ne revenu la terura tempo de militoj, kiuj forrabis kaj kripligis niajn patrojn kaj parencojn, kiuj plorigis niajn patrinojn. Ni sentas nin ligitaj al vi en la deziro, ke la homoj fariĝu fratoj. Niaj patroj devis militi, ni ĉiuj tutkore deziras, krei la pacon. Ni volas estiĝi pioniroj de la paco.

Tion ni volas diri al vi por la tago de la 18-a de Majo. —

Krom tio, kion ni bezonas, por interrilati sen tradukantoj rekte kun vi kaj kun ĉiuj infanoj de ĉiuj aliaj landoj, estas „lingvo internacia", kiu helpos forigi la barojn inter la diversaj popoloj. Lernu ankaŭ vi Esperanton!

Karaj amikoj, ni tutkore kaj plej sincere salutas vin el . . . de

(sekvu la subskriboj de la infanoj).

Gekolegoj, sendigu la leteron, sufiĉe afrankitan al jena adreso:

S-ro Gwilym Davies
vicprezidanto de la Kimra Asocio por Ligo de Nacioj
Museum Place
Granda Britujo Cardiff.

Mi esperas, ke en la venonta raporto pri la „Tago de Bona Volo" oni legos, ke la nombro de tiuj infanoj, kiuj skribis en Esperanto, estis la plej granda. Tio atentigos la mondon ne nur pri la „Bona Volo" de l' Esperantistoj, sed ankaŭ pri la graveco de Esperanto mem. D-ro Dietterle.

---

## Pri celoj kaj metodoj de la Esperanto-instruado.

(Konsiloj al Esperanto-instruistoj de Esperanto-Instituto de Estonio.)

Kiel ĉiu ajn metodiko, ankaŭ la Esperanto-metodiko devas atenti kaj konsideri la premisojn kreatajn por ĝia apliko en la elementaj kaj pli superaj lernejoj. Ĉar la instruado al personoj kun elementlerneja klero devas esti alia ol al personoj kun ekz. akademia instruiteco. La metodo varios ankaŭ laŭ la aĝo kaj la specialaj interesoj de la lernantoj. Krome, al lernejanoj Esperanto-instruisto prefere instruos laŭ planoj konformaj al la programo de la koncerna lernejo, dum en eksterlerneja kurso li libere elektos la instruaĵon kaj metodon laŭ pli vastaj vidpunktoj.

### Celoj.

Ĝenerale, ni povas dividi la tutan instrumaterialon je tri partoj, al kiu konformas kursoj: elementa, meza kaj supera. Ĉiu kurso estas konformigebla al certa celo, kiu ĉefe difinas la metodon.

A. Celo de la elementa kurso estas:

Doni al la lernanto ĝeneralan bildon pri la lingvo kaj sufiĉan bazon por memstara daŭrigado de la lernado — se li ne intencas partopreni en daŭriga kurso —, kaj firman fundamenton por aliaj, kiuj daŭrigos la lernadon en sekvanta kurso.

Aldone al la ĝeneralaj celoj de ĉia lernado, meritanta ĉi tiun nomon, kutimigo al laboro, koncentriĝo, ekzakta observado, inteligenta diferencigado, sistema aranĝokapablo kaj prezentado, zorga parkerigado, sendependa pensado, — jenaj specialaj celoj validas por elementa kurso:

1. atingi kontentigan elparoladon kaj veki en la lernantoj senton por ĝia graveco;
2. instrui precizecon por la uzado de vortoj kaj doni klaran komprenon pri la gramatikaj rilatoj (necesokaze rememoriginte la ĝeneralajn gramatikajn konceptojn el la aliaj lingvoj lernitaj);
3. veki interesiĝon pri la Esperanta movado kaj pri la spirito de Zamenhof;
4. eksciti emon uzi la lingvon aktive (parole, skribe);
5. estri la ĉefajn elementojn el la gramatiko kaj vortaro por aŭdi, kompreni, legi kaj skribi la lingvon en simpletaj formoj.

B. Celo de la meza kaj supera kursoj estas:

1. akiri lertecon por la uzado de la jam gajnitaj scipovoj kaj grandigi ilin;
2. havigi la kapablon por komprenante legi ordinarajn tekstojn sen konstanta uzo de vortaro;
3. perfektigi la scipovojn pri la skriba uzado de la lingvo, — ankaŭ per tradukoj el kaj en Esperanto;
4. veki interesiĝon pri modele bonstila kaj -enhava Esperanta literaturo; eksciti komprenemon pri la evoluo de la lingvo (kompare kun aliaj fremdaj lingvoj kaj precipe kun la gepatra) per legado de kelkaj ĉefverkoj — precipe dum la supera kurso.

Ni ripetas: la celo de la lernado de Esperanto en lernejoj ĉiam estu konkorda kun la lernejprogramoj. Esperanto okupadu en la lernejoj lokon proporcian al ĝia graveco — nek pli altan, nek malpli altan. Tiam la Esperantolecionoj baldaŭ iĝos valoraj kaj de ĉiuj ŝatataj, ne nur profitante de aliaj lernaĵoj (ekz. la gepatra lingvo), sed mem multoble rekompencante tiun profiton al la aliaj fakoj (ekz. la lingvoj, historio, geografio k. cet.).

(Daŭrigota.)

---

# La unua ministerio de klerigo.

D-rino Janina Ender, Pabjanice, Pollando.

Eble malmultaj scias, ke la unua en la mondo ministerio de klerigo estis fondita en Pollando en la jaro 1773. Oni ĝin nomis: „Komisio de Edukado Nacia“.

Por kompreni, kio estis tiu ĉi Komisio, oni devas iomete ekkoni la tiaman historion kaj sortojn de Pollando.

En la XVIII-a jarcento Pollando estis la dua en Eŭropo lando laŭ la vastaĵo teritoria, sed ĝia graveco politika malleviĝadis, pro la interna anarĥio

ĝin mordanta. La sferoj regantaj, t. e. la nobelaro malalte instruita, ne konsciadis danĝeron minacantan la ŝtaton. Ekzistis, vere, multaj lernejoj, sed ili estis direktitaj de monaĥoj, precipe Jezuitoj, ne staris sur la nivelo de la tiama scienco kaj ne marŝis kun la progreso de l' tempo. Krom tio ili flatadis la fierecon de l' nobelaro. De la duono de XVIII-a jarcento komenciĝas movado penanta plibonigon de l' ŝtato per plibonigo de l' edukado de la junularo. Ĉi tiun reformon iniciatis Piaroj, kiam Stanislao Konarski fariĝis estro de tiu ĉi monaĥaro en Pollando.

En la jaro 1773 falis sur Pollandon katastrofo historia: la unua dispartigo. La najbaraj ŝtatoj: Rusujo, Prusujo kaj Aŭstrujo rabis grandajn teritoriojn de Pollando, kaj estis evidente, ke ili intencis kompletan pereigon de l' pola ŝtato. En tiaj kondiĉoj naskiĝas penso savi la ŝtaton kaj la ideo, ke unu el la rimedoj de savado povus esti la reformo de l' edukado.

En tiu ĉi sama jaro 1773 la papo Klemenso XIV-a kasacias la monaĥaron de Jezuitoj, kiu posedis en Pollando multajn lernejojn kaj ankaŭ multajn bienojn. La pola sejmo (parlamento) dekretas la 14-an de Oktobro 1773 sekularizon de lernejoj kaj bienoj postjezuitaj kaj transdonas ilian administradon al la Komisio de l' Edukado Nacia. Tiel estiĝis ne nur la unua, sed ankaŭ la sola laŭ sia speco ministerio de kulturo, ĉar disponanta pri propraj monfondoj. Komisianojn elektis sejmo kaj senato. Kvankam ili ne estis fakaj pedagogoj (la konsisto de komisio estis aristokrata), tamen plejgrandaparte ili estis kleraj, je larĝa horizonto anima, kaj multaj inter ili jam longtempe havis kontakton kun la intelektularo okcidenteŭropa kaj kun la eminentaj kaj progresemaj homoj de l' jarcento.

La Komisio alvokis la kleran publikon kaj demandis ĝiajn rimarkigojn kaj konsultojn pri reformaj lernejoj. Oni volonte aŭskultis ne nur polojn sed ankaŭ alilandanojn. Grandega tasko ekstaris antaŭ la Komisio: reformo de ĉiuj lernejoj, de la plej malaltaj ĝis plej altaj kaj kreado de novaj nekonataj ĝis tiam en Pollando. Mankis fakaj instruistoj kaj lernolibroj. Tial estiĝas Societo por Eldonado de Komencaj Lernolibroj, kiu publikigas konkursojn por verkado de tiaj libroj, esploras la programojn kaj fariĝas departamento pedagogia de la Komisio. Sekretario de tiu ĉi Societo kaj ĝia plej agema ano estis Gregoro Piramoviĉ, varmega propagandisto de klerigo de la popolo.

Preparadon de instruistoj por la mezaj lernejoj prenis sur sin du tiamaj universitatoj polaj, unu en Kraków, la dua en Vilno.

La universitato Krakova, unu el la plej malnovaj en Eŭropo (fondita en la XIV-a jarcento) kies studento estis ankaŭ la fama Nikolao Kopernik, fariĝis en la XVIII-a jarcento institucio jam malprogresema. Reformis ĝin laŭ modelo de la plej bonaj tiamaj universitatoj germanaj pastro Hugo Kołłątaj (Kolontaj). Oni do enkondukis prelegadon en gepatra (pola) lingvo, novajn sciencojn, ekz. natursciencojn, laŭ la nivelo de la tiamtempa scio en Eŭropo, kaj forigis la astrologion kaj la spekulaciojn ŝolastikajn. Similajn reformojn, kvankam ne tiel vastajn, oni enkondukis en la universitato de Vilno (fondita en la XVI-a jarcento).

La universitatoj devis plenumi, krom sia tasko scienca, ankaŭ la rolon de estraro rilate al la lernejoj mezaj kaj pli malaltaj — la lernejoj mezaj rilate al la pli malaltaj, en ĉi tio oni apogis sin sur la modeloj francaj.

Dek jarojn daŭris la kristaliĝo de eduka programo de la Komisio. Enhavas ĝin „Ustawy“ t. e. leĝa artikolaro eldonita en 1783, verko kolektiva.

La celon de l' edukado oni difinis mirinde simple kaj koncize: Oni devas eduki la infanon tiel, ke ĝi sin havu bone, kaj la aliaj kun ĝi". Tasko de la edukado estas harmonia disvolvo de l' povoj kaj fortoj animaj kaj korpaj kaj tial la Komisio egalmezure traktas edukadon moralan, intelektan kaj fizikan.

Edukado morala sin apogu sur la religio. La Komisio akcentas profundan religiecon adaptantan la vivon al la principoj de l' kristaneco, sed malgrandigas la nombron de praktikoj religiaj, ĝis tiam multe disvastigitaj. Al la instruado morala devas kuniĝi la historio kaj la leĝo. „La instruisto de historio devas montri en la homaj faroj, kvankam ŝajne grandiozaj, estimataj kiel laŭdindaj, tion, kio kontraŭas la justecon, la homecon, la bonan fidon, kaj la vortotenadon. Tial neniam li nomu politiko aŭ arto de regado aŭ heroeco tion, kio vere estis malica, perfida, malnobla, perforta invado kaj rabo."

La edukado intelekta konsistu ne nur el supreniĝado de l' nivelo de instruado, sed ankaŭ el ŝanĝo de l' metodo, forĵeto de la antaŭa verbalismo. De nun la instruisto instruu „plie je la intelekto kaj kompreno, ol je la memoro". „Neniam li komprenigu al la lernantoj aĵojn ĝeneralajn antaŭ la specialaj, malfacilajn antaŭ la facilaj, kunmetitajn antaŭ la simplaj, abstraktajn antaŭ la konkretaj."

La Komisio enkondukis prelegadon kaj instruadon en lingvo pola kaj laŭ la principoj de l' klera jarcento metis sur la unuan planon matematikon kaj natursciencon kaj plie, konforme je la dominanta tiam utilitarismo, enkondukis tiajn objektojn kiel higieno, leĝo, agrikulturo, ĝardenkulturo, sed lingvon latinan ĝi forŝovis sur planon pli malproksiman.

La bezonon de edukado fizika la Komisio pruvis tre simple: „La sano estas aĵo plej kara kaj plej bezona en la mondo." Tial ĝi rekomendas ludojn, ekzercojn, sportojn en freŝa aero, „ĉar ili disvolvas forton kaj lertecon."

Ĝi donas multajn indikojn tuŝantajn la regulojn de higieno. Por eviti troŝarĝon de laboro, la instruado en la mezaj lernejoj estas limigita ĝis kvar horoj tage.

Tre karakteriza por la aktiveco de la Komisio estas ĝia sinokupado je la kulturo popola. La bezonon, klerigi la popolon, oni jam akcentadis antaŭ la estigo de la Komisio, antaŭ ĉio laŭ vidpunkto de utilitareco, ĉar oni esperis, levi la bonstaton de l' lando, plialtigante la nivelon animan de l' terkulturisto.

Pollando estis en XVIII-a jarcento lando preskaŭ entute agrikultura. Ne malgrandan rolon ludis tie influoj de l' opinioj fiziokrataj. Tiun ĉi saman vidpunkton alprenis ankaŭ la Komisio. Kvankam principe ĉiuj lernejoj estis alireblaj por ĉiuj klasoj de l' popolo, tamen en praktiko por la plej malalta klaso estis destinitaj la lernejoj parohaj, kies programo enhavis: religion, instruon primoralan, legadon, skribadon, kalkuladon, scion de mezuriloj, peziloj kaj moneroj, ĝarden- kaj terkulturon, higienon, ktp. Ne decidiĝas tamen la Komisio malfermi malaltajn lernejojn ŝtatajn, supozante ke ne sufiĉos por tio kapitaloj, tial ĝi turnas sin al la pastraro kaj al la noblaro kun la peto malfermadi tiajn lernejojn.

Pere de la nuncio la Komisio turnas sin ankaŭ al la papo, petante lin, ke li ordonu al la pastraro klerigadon de la popolo. Klemenso XIV-a plenumis tiun peton kaj eldonis en la jaro 1774 tiucelan „breve"-on. Malmultaj tamen el la pastraro respondis al la alvoko de la Komisio. La afero de klerigo de l' popolo malmulte ankoraŭ tiam estis komprenata.

En Pollando, simile kiel en tuta tiama Eŭropo, mankis konvene preparitaj

instruistoj por malaltaj popolaj lernejoj. Tial oni malfermas en la jaro 1778 la unuan en Pollando seminarion por instruistoj en Vilno. Ĝi estis samtempe unu el la unuaj en Eŭropo.

Kvankam ĝi nelongtempe ekzistis, tamen ĝi pruvis la zorgon de la Komisio por la klerigo de l' popolo.

En la jaro 1785 la Komisio eldonis alfabetlibron por lernejoj parohaj, enhavantan samtempan instruon de legado kaj skribado, kio en tiama tempo estis noveco pedagogia.

Indikojn pedagogiajn por instruistoj de lernejoj parohaj verkis Gregoro Piramowicz en la libreto: „La devo de l' instruisto" laŭ la antaŭparolo destinita por tiuj, kiuj „sin oferas al la granda servo klerigi la aliajn" kaj „serĉas la bonon de siaj proksimuloj".

Malgraŭ la granda malproksimeco de l' tempo kelkaj ĉapitroj de tiu libreto ankoraŭ hodiaŭ ne perdis sian valoron pedagogian.

Kvankam la kondiĉoj tiel kunmetigis, ke la Komisio ne multe antaŭen puŝis la klerigon de l' popolo, tamen granda ĝia merito estas, ke ĝi metis la aferon je la tagordo kaj penis, ekinteresigi je ĝi la tutan nacion.

Simile la Komisio direktis sian atenton sur la edukadon de l' virinoj, kiu en la XVIII-a jarcento estis en Pollando (cetere ne nur en Pollando) supraĵa kaj ne sufiĉa. En tiu ĉi rilato la Komisio ne elŝovis planon de tiel radikala reformo, kiel en viraj lernejoj, ĝi ne malfermis eĉ unu ŝtatan lernejon virinan, ĝi nur etendis sian kontrolon sur la ekzistantaj pensionoj virinaj kaj ordonis la instruadon de sekvantaj objektoj: religio, lingvo pola, aritmetiko, virinaj manlaboretoj, historio kaj geografio (antaŭ ĉio de Pollando). Fremdajn lingvojn ĝi ne malpermesis instrui; sed malpermesis legadon de romancoj francaj, escepte Telemakon de Fénélon.

La lernejo laŭ la intenco de la Komisio de Edukado devis esti ĝoja. En ĝi devis esti bone al lernanto kaj al instruisto; al la lernanto, ĉar la Komisio multe moderigis la disciplinon lernejan kaj penis influi la lernanton plj ĝuste per rekompencoj kaj alvokoj al lia honoro ol per punoj (kiujn cetere ĝi ne eligis); al la instruisto, ĉar ĝi certigis al li sufiĉan bonstaton kaj estimindan postenon socian kaj emeritaĵon post dudek jaroj da laboro.

La Komisio renkontis en sia agado multajn malfacilaĵojn kaj malhelpojn, el kiuj la ĉefaj estis manko de kapitaloj, manko de fortoj instruistaj kaj kontraŭemo de la plej multaj kontraŭ la reformoj.

La penadojn de la Komisio protektis la reĝo Stanislao Aŭgusto, kiu mem, estante klera kaj instruita, vive sin interesis pri la tiama spirita movado; protektis ilin la progresema gazetaro, eminentaj verkistoj kaj publikistoj.

Sed la plej granda parto de la regnanoj, krom pli kleraj unuoj, ne komprenis ilin kaj ofte malamike ilin kontraŭstaris. Oni enuis je la populara monahharo Jezuita, kaj al la instruistoj laikaj oni ne havis fidon. Tial la Komisio estis devigita iafoje fari koncesiojn al la opinio publika kaj dekliniĝadi de la elektita direkto. Cetere por la plenumo de la grandega programo jam ne sufiĉis tempo. La Komisio ekzistis nur ĝis 1794, ĉar kiel konate en 1795 sekvis la tria dispartigo de Pollando, kiu de nun perdis sian sendependecon.

Kiel unua en Eŭropo centra estraro lerneja la Komisio ne havis pretajn modelojn de agado, ĝi devis mem fari al si la vojon inter ofte turmentaj provoj. Tutan ĝian agadon oni povas difini kiel batalon kontraŭ la tradiciaj alkutimiĝoj de la nobelaro, ĝia malklereco, konfuzo de l' ideoj, malprogres-

emo anima kaj morala. Al la evidentaj rezultatoj de la agado de l' Komisio oni povas aligi longan vicon de novaĵoj, kiujn ĝi enkondukis en la vivon kulturan kaj edukan de la nacio, la venkon de l' principo de ŝtatigo de la lernejoj kaj de l' influo de l' registaro je la edukado de l' estontaj regnanoj. Ĝi renversis la dependecon de la lernejo de l' pastraro kaj atingis ĝian sekularizon, kaj eĉ komencis ĝian laikiĝon (enkondukon de instruistoj nepastroj) kaj planan instruadon de l' instruistaro. Ĝi akiris estimon por la instruistoj en la socio kaj reguligis ilian leĝan pozicion. Reforminte la universitatojn ĝi elŝiris la polan vivon sciencan el la malprogresa rusto kaj malfermis la vojon al bela evolucio de scienca esplorado. Ĝi konstruis potencan ligaĵon de la hierarĥio lerneja. Ĝi enkondukis la principon de l' unuforma direkto en la edukado publika. Ĝi verkis vicon da manlibroj lernejaj, inter ili multajn originalajn. Al la patra lingvo ĝi certigis regadon en la lernejoj. Ĝi freŝigis programon de l' instruado limiginte lingvoinstruon kaj enkondukinte la sciencojn ekzaktajn kaj la natursciencojn, kaj instruadon de l' historio kaj moralo. La plej grava: ĝi plirapidigis la moralan reviviĝon de l' nacio. Tial la agado de l' Komisio estas neelĉerpebla trezoro por la esploristoj de la historio de la penso pedagogia.

Ni devas konfesi, ke tiu ĉi unua ministerio de klerigo atingis grandan agon reformistan.

Kaj ĉiam aktuala estos ordono de l' Komisio: „eduki la infanon tiel, ke ĝi sin havu bone kaj la aliaj kun ĝi.“

---

## Kelkaj el la postuloj de ĉeĥoslovaka geinstruistaro de nova registaro.

### 1. Reformemaj proponoj.

Subteni la lernejajn reformojn laŭekstere (laŭorganize) kaj interne (el vidpunkto didaktika kaj eduka), nome:

a) fondi reforman komitaton ĉe ministrejo antaŭ kiu parolus krom oficiala delegito ankaŭ eminentaj instruistoj kompetentaj pri la reforma demando. Tiu komitato koncentrigus kaj subtenus la reformeman movadon unue laŭ sia propra iniciativo, due helpe de bone organizita eksperimenta pedagogia instituto.

b) Helpe de efektivigota reformo de porinstruista klerigado per studado en mezaj lernejoj kaj en dujara pedagogia instituto.

c) Helpe de novaj reformaj kadraj instruplanoj.

### 2. Lerneja fako.

a) Eldoni fundamentan lernejan leĝon el vidpunkto de lerneja demokratigo, de sociaj bezonoj, de korpokulturo, ankaŭ atentante la malnormalan infanaron.

b) Eldoni leĝon pri distriktaj burĝaj lernejoj kun samtempa organiza reguligo de popola lernejo, se tion postulas la unua reformo.

c) Eldoni leĝon pri la 4-a klaso de burĝaj lernejoj (t. e. 9-a lernojaro).

d) Eldoni leĝon pri administrado de lernejoj, per kiu oni distingus lernejan administradon de politika, fondus leĝan fundamenton de reformo pri la lernejaj konsilantaroj kaj laŭleĝe estigus distriktajn lernejajn komitatojn (kun elektataj delegitoj civitanaj kaj instruistaj por ambaŭ institucioj), same kiel ankaŭ fondon de distriktaj, landaj kaj ŝtataj konferencoj.

e) Eldoni leĝon pri lernejoj por etaj infanoj antaŭ la lernejdeviga aĝo.

f) Ŝanĝi leĝon n-ro 77/1927 pri ekonomio de komunumoj tiusence, ke la bud-

ĝetoj de la lokaj lernejaj konsilantaroj ne estu estonte reduktataj materiale, kion ĝis nun faras la distriktaj kaj landaj oficejoj, kiuj havu de nun nur rajton protesti kontraŭ ĝi.

**3. Porinstrua fako.**

a) Eldoni leĝon sekve de kiu la ŝtato salajrus la instruistaron kaj por tio aldonas la bezonan sumon en la ŝtata budĝeto. — — —

Komentaro al 2b. Ĝis nun ni havas en malmultaj lokoj burĝajn lernejojn. Ili estas malproksimaj de kamparaj vilaĝoj. Ilin konstruas kaj konservas nur lokoj (komunumoj) sur kiuj ili staras. Ilin ankaŭ devige vizitas lernantoj de 6—8 lernejjaroj. Lernantoj el aliaj lokoj vizitas ilin nur libervole kaj pagas jaran lernopagon. Sed se la loko estas tre malproksima de la burĝa lernejo, ĝin povas viziti nur la plej riĉaj lernantoj de popollernejoj. Tio kompreneble ne respondas al demokrataj ideoj de nia nuna stato respubliko. Tial ni petas, ke oni fondu en ĉiu loko kun 4-kilometra ĉirkaŭaĵo regionan burĝan lernejon, kaj ke lokoj en tiu regiono pagu ankaŭ je tiu lernejo proporcie laŭ siaj ŝtataj impostoj. Kompreneble tiu reformo postulas, ke la popollernejo estu ŝanĝita rilate la instruplanon, kiu estus fiksota nur por 1—5 lernojaroj (anstataŭ por 1—8 lernojaroj kiel nune). La instrumaterio lernota estus do malgrandigota, sed pli profundigota. Krome tio estus laŭleĝe deviga vizitado de 4-a klaso burĝlerneja, kiu ĝis nun estas libervola kaj tial ĉie ne ekzistas.

J. Puĉajev. (El TEPS.)

——

## Supera pedagogia lernejo en Praha.

Jam longan tempon postulas la ĉeĥoslovaka instruistaro de sia registaro la universitatan klerigon, sed ĝis nun vane. Pro tio ĉeĥoslovaka federacio instruista fondis kiel privatan instituton Superan pedagogian lernejon en Praha por pliprofundigi la instruistaran klerigon. La nombro de ĝiaj aŭskultantoj pli kaj pli kreskas. En la vintra semestro en la jaro 1928/29 estis enskribitaj en tiu ĉi lernejo 356 kaj en la somera semestro 350 partoprenintoj.

En Supera pedagogia lernejo estis prelegantaj jenaj profesoroj: universitata profesoro D-ro J. Čančik: Lerneja kaj infana higieno. Inspektoro ĉe la ministerio de lernejaferoj J. Zeman: Edukado de nenormalaj infanoj. D-ro R. Klineĉ: Organizo de lernejo. Universitata profesoro D-ro K. Weigner: Fundamentoj de korpedukado. Universitata profesoro D-ro A. Frinta: Fonetiko kun doktrino pri ĝusta prononco. Ministeria konsilanto K. Buzek: Juraj fundamentoj de lernejsistemo. Universitata profesoro D-ro J. Hendrych: Historio de Pedagogio. Universitata profesoro J. V. Klima: Ĝenerala pedagogio. Universitata profesoro D-ro K. Herfart: Psikopatologio de infanaĝo, eraroj de spirita kaj korpa evoluo kun klinikaj eksperimentoj. D-ro C. Stejskal: Pedologio kaj diferencigo de lernejoj. Universitata profesoro D-ro V. Prihada: tipo de unueca lernejo.

En la seminariaj ekzercoj en la vintra semestro estis solvata la problemo de la ĉeĥa ortografio de la psikologia vidpunkto. En la somera semestro oni estis preparantaj planojn por la unueca lernejo de la 1-a kaj 2-a ŝtupoj. La seminarion en ambaŭ semestroj gvidis universitata profesoro D-ro V. Prihoda, administranto de pedagogia fako de l' instituto por eksperimenta pedagogio. En S. P. L. estis aranĝataj ankaŭ superlernejaj kursoj por instruistoj de burĝaj lernejoj (6-a, 7-a kaj 8-a lernjaroj). Ĉe la lernejo estas instituto por eksperimenta pedagogio kaj psikologio. En la jaro 1928/29 estis vizitintaj la instituton eksterlandaj gastoj, kiuj alveturis al manifestacio de la aŭskultantoj de S. P. L. por superlerneja klerigo de l' instruistaro: profesoro D-ro R. Seyfert, direktoro de pedagogia instituto en Dresdeno, profesoro D-ro J. Richter, direktoro de pedagogia instituto en Leip-

zig, ministeria konsilanto V. Fadrus el Vieno, romanaj instruistoj, direktoro M. Rakoviĉ el Beograd kaj serbaj instruistoj.

S. P. L. aranĝis ankaŭ ekskursojn al eksterlando. Sub la gvidado de universitata profesoro D-ro J. Klima estis vizitinta ĝia aŭskultantaro popolajn, mezgradajn kaj fakajn lernejojn kaj pedagogian instituton en Leipzig. Dum la someraj libertempoj partoprenis la aŭskultantoj Internacian pedagogian kongreson en Genève. Poste ĉeestis la ekskursantaro la pedagogiajn tagojn en Salzburg, kie paroladis univ. profesoroj D-ro V. Weigner kaj D-ro J. Klima el Praha.

Viglaj estis interrilatoj kun eksterlando. Oni korespondis kun pedagogia oficejo en Genève, kaj kun pedagogiaj centroj aŭstraj, germanaj, polaj kaj rusaj. Oni interŝanĝis ankaŭ gazetojn kaj librojn. En Moskvo aranĝis la kuratorio de S. P. L. sub la financa subteno de la ministerio de lernejaferoj ekspozicieton de lernmaterialo, en kiu oni estis solvantaj la problemon de lernejekskursoj.

Okaze de la deka datreveno de nia respubliko aranĝis S. P. L. kune kun Ĉeĥoslovaka federacio instruista signifoplenan pedagogian semajnon sub la protektado de la ministro de lernejaferoj D-ro M. Hodza por lernejreformoj, precipe por unueca lernejo kaj por reformo de l' instruista klerigo. Samtempe kun la pedagogia semajno okazis ankaŭ la unua kongreso de aŭskultantoj de S. P. L. en Praha, kiu estis tre sukcesplena. Estro de la lernejo profesoro D-ro Kadner paroladis pri la superlerneja klerigo instruista. La kongreson partoprenis krom la ministro M. Hodza reprezentantoj de la lernejoficoj, de politikaj partioj kaj multaj eksterlandaj gastoj, kiuj paroladis pri la superlerneja klerigo instruista en la proksima eksterlando.

Tuj post la pedagogia semajno estis organizita ĉe S. P. L. reformkomitato, kies prezidanto estas D-ro V. Prihoda. La komitato ellaboris planon por la unueca diferenciĝa lernejo de 1-a kaj 2-a ŝtupoj.

Reformkomitato trovis por siaj planoj plenan komprenon de la urbo Praha. Post la libertempoj 1928 estis malfermitaj en Praha kaj en aliaj lokoj de Ĉ. S. R. unuecaj lernejoj. Ankaŭ superlerneja instruista klerigo estis eksperimente realigita. Kun subteno de la urbo Praha estis fondita nova fako de S. P. L., privata pedagogia fakultato, en kiu komencitaj estis prelegoj en la monato Oktobro 1929. Akceptitaj estis 80 studentoj finintaj mezgradan lernejon (gimnazion aŭ realan lernejon).

Superan pedagogian lernejon fondis kaj per siaj propraj monrimedoj vivotenas plejparte Ĉeĥoslovaka federacio instruista. Ministerio de lernejaferoj donacis al ĝi en tiu ĉi jaro 35 000 Kĉ.; ministerio de terkulturo 2 000 Kĉ.; ministerio de higieno 4 500 Kĉ. La ĉefurbo Praha donis al la lernejo 4 000 Kĉ. kaj fondis por ĝi en Praha-Nusle metiejon por manlaboroj.

La S. P. L. en Praha akiris per sia grava laboro plej bonan famon kaj estis kreinta vere pedagogian centron, kies agado estas por la estonteco multpromesa. Simila supera pedagogia lernejo ekzistas ankaŭ en Brno, la dua plej granda urbo de ĉeĥoslovaka respubliko.

A. Valoušek. (El TEPS.)

---

# Novaj klerigaj leĝoj en Jugoslavujo.

A.

Jugoslavia registaro publikigis du gravajn klerigajn leĝojn: leĝo de mezgradaj lernejoj (31. 8. 1929) kaj leĝo de porinstruistaj lernejoj. Ambaŭ leĝoj diferencas de ĝis nun ekzistintaj leĝoj kaj organizoj.

Nova leĝo de mezgradaj lernejoj valoras por tuta lando kaj laŭ ĝi gimnazioj povas esti: ŝtataj kaj distriktaj sed sub ŝtata kontrolo; privataj ne povas ekzisti. Urbo, kiu deziras havi sian gimnazion, estas devigata doni: ejon

por lernejo, loĝejon por direktoro kaj almenaŭ unu servisto.

La lerndaŭro en gimnazioj, laŭ nova leĝo, estas 4 kaj 8 jaroj kaj post tiu tempo la gelernantoj estas maturaj viziti universitaton.

La salajroj de profesoroj estas pligrandigitaj tiamaniere: profesoro en la unuaj tri jaroj de ofico ricevas alpagon de 200 dinaroj (usona dolaro valoras 56.50 din.) kaj poste 520 din. pomonate. Direktoro de 4-klasa gimnazio ricevas pomonatan alpagon de 900 din. kaj direktoro de plengimnazio (8-klasa) 1700 dinarojn. Por fariĝi direktoro oni devas havi 12 jarojn de ofico kaj por ricevi plenan pension (= plena lasta salajro) oni devas instrui 35 jarojn.

Profesoroj estas kontentaj kun la pligrandigo de salajroj.

B.

Leĝo de porinstruistaj lernejoj estas publikita 27. 9. 1929 kaj havas multe da novaĵoj. La plej grava novaĵo estas pligrandigo de lerndaŭro de 4 ĝis 5 jaroj. Je la fino de ĉiu jaro la gelernantoj havas ekzamenon kaj de lasta jaro ili ricevas diplomon kaj tiam povas esti instruistoj en popollernejoj.

Ĉiu porinstruista lernejo devas havi internatulejon kiu konsistas el: dormĉambroj, unu lernĉambro, kuirejo, manĝĉambro kaj granda korto kun ĝardeno. La lernantoj pagas monatan pension laŭ riĉeco de siaj gepatroj; malriĉuloj, kiuj montras bonan sukceson en sciencoj, ricevas iom da mono de ŝtato kiel rekompencon pomonate. Apud porinstruista lernejo troviĝas sufiĉe da klasoj de popollernejo, kiuj servas por ekzercado de gelernantoj. Tiuj ĉi klasoj laboras sub kontrolo de direktoro de porinstruista lernejo. Ankaŭ ĉiu lernejo havas sian sekretarion kiu prizorgas ĉiujn materialajn elspezojn de lernejo, li devas havi kvalifikon egalan al popolinstruisto.

Ambaŭ superaj pedagogiaj lernejoj, en Beograd kaj Zagreb, estas fermitaj kaj ĉe Beograda porinstruista lernejo estas fondita dujara kurso, kiun povas viziti ĉiujare po 30 geinstruistoj, kiuj havas 3—5 jarojn de ofico en popollernejo.

Profesoroj de porinstruistaj lernejoj ricevas salajrojn kiel iliaj gimnaziaj kolegoj.

Radoje Kostiĉ, Melenci, Banat Jugoslavio.

C.

**La okjara popollernejo.**

Laŭ nova leĝo pri popollernejoj, kiu estas donita la 9-an de decembro 1929, la popollernejo daŭros de nun 8 jarojn. Ĉiuj infanoj devos viziti la okjaran popollernejon. Nur la infanoj, kiuj daŭrigos lernadon en kiu ajn mezlernejo aŭ kiuj lernas iun ajn metion ne devos viziti la lastajn 4 jarojn de popollernejo. Por la infanoj, kiuj lernas metion (metilernantoj), ekzistas specialaj vesperaj lernejoj.

Ĉi tio estas novaĵo en Jugoslavujo. Nun oni preparas la programojn kaj la instruplanojn por tia lerneja sistemo, kiun oni enkondukos komence de jaro 1930/31.

Stanko Prvanoviĉ (El TEPS.).

---

## La unua lernejotago de plej junaj gelernantoj.

(Al la enketo, instigita en IPR 1930, pĝ. 2.)

Mi faris en mia u n u k l a s a lernejo (nia vilaĝo havas 170 loĝantojn kaj 39 gelernantojn) la stilekzercaĵon: „Mia unua lernejotago“, kaj mi promesis, ke la plej bona skribaĵo estu tradukota kaj publikigota esperantlingve. Sekvas ĉi-sube la traduko de verketo skribita de 14-jara knabino.

**Mia unua lernejotago.**

Pasis preskaŭ ok jaroj, de kiam mi la unuan fojon vizitis la lernejon. Tamen mi tre bone rememoras pri la unua lernejotago. Unue mi timegis. Mi ja estis tiom malgranda, kaj la pli aĝaj gelern-

antoj ofte estis dirintaj al mi: „Nu, atendu nur, ĝis kiam vi iros en la lernejon! La instruisto bategos vin!“ Sed miaj gepatroj ĉiam estis dirantaj: „La instruisto estas bona, kaj li donas al ĉiu infaneto grandan paskan papersaketon, kiu estas plenplena de sukeraĵoj.“*). Kiam mi nun devis iri la unuan fojon en la lernejon, mia patrino akompanis min. Mi estis vestita per miaj dimanĉaj vestoj kaj portis sur mia dorso la novan tornistron, kiu entenis mian nigran tabuleton, de kiu spongo kaj tukpeco pendadis je mia flanko, skatoleton (kun kelkaj paŝteloj) kaj grifelujon. Kiam ni laŭiris la straton, sinjorino Richter samtempe venis kun sia filineto Alma. Kune kun Alma mi nun rapidis antaŭ la patrinoj, ĉar ni ja estis iomete fieraj pro nia unua irado al lernejo. Ni alvenis ĝustatempe. Wanda Müller kun sia patrino jam estis antaŭ la lernejo. Do ĉeestis ĉiuj tri novuloj de la jaro 1922! La pli aĝaj gelernantoj ĵus iris hejmen. Sinjoro la instruisto venis el la klaso post ili. Ni salutis lin kaj eniris la lernejon. La instruisto restis momenton babilante ĉe la patrinoj en la koridoro. Poste li venis en la ĉambron. Nun ni estis en la lernejo! Ni havis permeson, sidiĝi en la plej malgrandan benkon, kien ni volis. La instruisto demandis nin pri niaj nomo kaj loĝejo. Post tio li permesis al ni, ĉirkaŭrigardi en la ĉambro, kaj li montris al ni multajn objektojn, precipe kelkajn murbildojn. Poste li alportis tre malgrandajn bastonetojn**), per kiuj ni ludis. Ni konstruis iajn figurojn kaj formojn kaj nombris la bastonetojn, ni ordigis ilin laŭ longeco aŭ koloro kaj nombris ilin ĉiam. Tion ni bone scipovis. Tial tio plaĉis al ni treege. Ni ankaŭ estas pentrintaj, kutime tiujn facilajn figurojn, kiujn ni estis konstruintaj per la bastonetoj. Fine la instruisto pentris grandegan lunovizaĝon sur la nigran tabulon dirante: „Punkto, punkto, komo, streko, perfekta estas luna vizaĝo.“ Ni ĝojegis kaj kopiis tuj la pentraĵon. Tiamaniere la tempo pasis rapide†). Ne daŭris longtempe, ĝis kiam la instruisto permesis al ni hejmeniri. Sed nun la ĝojo estis granda, ĉar ni supozis ricevi la paskan papersaketon. Kaj vere, ĉiu el ni ricevis ĝin! „Dankon“, „ĝis revido“, kaj for ni estis. Sed ni ne atendis, ĝis kiam ni estis hejme. Ni jam dumvoje estis tro scivolemaj, ni sidiĝis sur la benketon antaŭ la gastejo kaj disvolvis la enhavon de la mirakla saketo. Ni pririgardis ĉion kaj montris fiere al la kunulinoj ĉiujn detalaĵojn, sed ni manĝis nenion! Baldaŭ ni enpakis ĉion kaj rapidegis hejmen. Mia unua lernejotago do evidente estis ĝojiga tago. Jes! Sed la tutan posttagmezon doloris mia ventro pro la tro granda kvanto da manĝitaj sukeraĵoj.

Frida Grabars.

Tradukis Artur Scholz el Zahn, poŝte Saabor, distrikto Grünberg, provinco Schlesien, Germanlando.

---

*) Rimarko de la instruisto: Tiutempe ankaŭ mi faris ankoraŭ tian kutimaĉon.

**) Kelkfoje mi uzas ankaŭ globetojn, lignajn bloketojn ktp. — Rim. d. l. instr.

†) Plej ofte mi rakontas komikan historieton, ekz. „Ruseler, Henriĉjo en la cikonia nesto.“ — Rim. d. l. instr.

*

**La unua lernejotago de plej junaj gelernantoj.**

(El kampara lernejo de Maribora teritorio, Jugoslavujo.)

La sesjaraĝaj infanoj venas la unuan fojon en la feste ornamitan lernejoĉambron. Akompanas ilin iliaj panjoj aŭ pliaĝaj fratetoj aŭ fratinetoj.

Malfacila, tre malfacila estis la adiaŭo de la kara domo de la amataj hejmanoj, de la bela kateto, de la hundo, de la ligna ĉevaleto, de la pupo kaj de ĉiuj aliaj ludiloj. Ho, kun kiaj sentoj venas hodiaŭ ĉi tiuj etuloj kaj kia timo plen-

igas iliajn delikatajn animojn! Antaŭ la pordo ili ekstaras timeme kaj la akompanantoj ŝovas ilin tra la pordo en la lernejoĉambron. Timemaj ili estas, malkonfidaj, malfortetaj — realaj statuoj! Ili ne kuraĝas sidi, nek paroli. La instruistino devas ĉiun infanon preni ĉe la mano, karesi ĝin kaj sidigi ĝin sur la benko. La konatulojn kaj la amikojn kune!

Vidu, tiu ĉi knabineto havas larmplenajn okulojn, hejmsopiro turmentas la junan animon! Tie tiu knabo plorsingultas kiam la kara paĉjo eliras la ĉambron. Ĉiuj rigardoj koncentriĝas al la instruisto, demandante: Kio nun okazos?

La devo de la elementa instruisto estas konsoli tiun ĉi ĉarmetan, malfortetan infanaron, ĝin kuraĝigi per laŭdo kaj vivigi ĝin. Sed kiamaniere? Tio ne estas malfacila! Per afabla apelacio pri ilia ĉiama bonkonduto, puremeco kaj vizitademo de la lernejo la instruisto rapide akiras plian konfidon. La malgajajn pensojn li disigas per belaj multkoloraj bildoj kaj floroj, kiujn li montras, kaj per rakontado de mallongaj, taŭgaj fabeloj. La ripetuloj deklamas poemetojn aŭ kantas konatajn kantojn. Sed kiam la instruisto invitas la infanojn imiti diversajn gestojn kaj eĉ la bleksonojn de la (dom)bestoj — kato: miaŭ, miaŭ; hundeto: haŭ, haŭ; bovino: mu, mu; kolombo: gru, gru; pasero: ĉif, ĉif; ansero: ga, ga; korniko: kra, kra; koko: kikeriki; kokinoj: kokodak; ktp. — la malgranduloj tuj plivigliĝas kaj iĝas pli akceptemaj! La larmoj malaperas, la ĝojo ekbrilas en la okuloj!

Tiel aŭ similmaniere forpasas eĉ tro rapide la unua lerneja tago. Hejme poste oni rakontadas sen fino pri la travivaĵoj kaj kiel gaje kaj malenuige estis en la lernejo. Kaj la dua tago? Ne estas plu bezone persvadadmonj al la lernejo, ne estas plu bezone akompani, ne devigi. La infanoj estis tuj la unuan tagon konkerataj, ĉar la instruisto sciis ilin konkeri. R. J.

Esperantigis Viktorino Lichtenwallner.

---

# La krizo de la fremdaj lingvoj en la estona lernejo.

La problemo de la fremdaj lingvoj prezentis dum la 11 jaroj de l' estona respubliko daŭrajn malfacilaĵojn al la politiko de l' instruado. Precipe malfacile solvebla estis la problemo de l' unua fremda lingvo: kiun lingvon instrui kiel la unuan, ĉu la germanan, anglan aŭ eĉ rusan, francan? En la unuaj jaroj de l' memstareco estis instruata kiel la unua lingvo la germana, en 1920 la ministerio decidis starigi sur la unua loko la anglan lingvon, kiun decidon poste nuligis je la favoro de la germana lingvo la ministro H. Bauer. Kaj en la pasinta jaro la ministro D-ro A. Möttus denove decidis doni al la angla lingvo la unuan lokon, kiun decidon siavice nuligis la nuna socialista ministro L. Johanson, enkondukante ree la germanan lingvon. Longa historio!

La lingva demando estas tiom akra, ke antaŭ kelka tempo oni timis pro ĝi eĉ registaran krizon. Ĝi estas diskutata en la parlamento kaj en la instruistaj rondoj, kaj en ĉiuj politikaj ĵurnaloj aperis pri ĝi longaj artikoloj. La adeptoj de l' angla lingvo asertas, ke en Estonio estas tro forta la germana influo, kiu malutilas al la progreso de l' estona popolo kaj kontraŭ kiu oni devas batali per fremdiĝo de la germana lingvo kaj kulturo, per instruado de l' angla lingvo, alproksimiĝante tiel al la potenca angla popolo kaj al la alta anglosaksa kulturo. Kiel ni, adeptoj de neŭtrala internacia lingvo, rilatu al la problemo?

Ĉiuj naciaj lingvoj estas nacie-politikaj faktoroj, en kiuj kaŝiĝas la animo, karaktero, pensmaniero, kulturo de la tuta popolo. Lernante kaj uzante iun nacian lingvon, oni iom post iom ensorbas en sin ankaŭ la kulturon kaj ideologion de

la respektiva nacio, oni elmetas sin al la danĝero de alinaciiĝo. Tiu danĝero estas precipe granda al la membroj de la malgrandaj popoloj, kies nacia sento ne estas tre forta. Kiam la rusa cara registaro de post la cariĝo de Aleksandro III-a volis rusigi la estonan popolon, ĝi saĝe komencis ĝuste de la lingvo, enkondukante en la tuta lando la rusan lingvon, estante certa, ke ĉio cetera venos de si mem kune kun la lingvo. Kaj la rusaj caristoj tute ne eraris! Ankoraŭ nun en Estonio estas sufiĉe forta la rusa influo kaj sur ĉiu paŝo estas ankoraŭ renkonteblaj parte aŭ tute rusiĝintaj estonoj. Kaj la plej grava faktoro en la germaniĝado, daŭrinta en nia lando tre longan tempon, estis ja la germana lingvo: germaniĝis nur tiuj, kiuj pli malpli ellernis la lingvon de la germanoj.

Pri tiu nacie-politika valoro de la lingvoj estas konsciaj niaj politikistoj kaj pedagogoj. Ĝuste pro politikaj kaŭzoj ne estas instruata krom kelkaj esceptoj en la lernejoj la rusa lingvo, kvankam ĝia praktika valoro por nia popolo estas evidente pli granda ol tiu de la angla lingvo, kiu estas en Orient-Eŭropo malmulte konata kaj kun kies hejmlando ni havas malmulte da interrilatoj. Pro la sama kaŭzo oni deziras flankenigi la germanan lingvon, kvankam la praktikaj bezonoj kontraŭparolas tion. Sed oni eraras, atendante savon de la angla lingvo kaj esperante, ke per ĝia enkonduko estas por ĉiam solvita la lingva problemo. Oni nur enkonduku ĝenerale la anglan lingvon, kiu tute ne estas nacie-politike pli senkulpa ol la ceteraj, kaj baldaŭ la tuta lando estos plena je angliĝintaj estonoj, kaj oni denove komencos serĉi novajn orientaciojn, komencos serĉi rimedojn, kiel liberiĝi de l' angla lingvo kaj influo.

Ni, esperantistoj, estas konvinkitaj, ke al la malgrandaj popoloj la sola eliro el tiu sorĉa rondo estas, enkonduki por la interrilatoj kun la aliaj popoloj tian nacie neŭtralan lingvon, kia estas Esperanto. Per la akcepto de Esperanto la problemo de la fremdaj lingvoj estus unu fojon por ĉiam solvita. Ni ne laciĝu en konvena okazo klarigadi tion.

Sed la problemo havas ankoraŭ alian, ne malpli gravan flankon. Ĝi estas la grandega malfacileco de la naciaj lingvoj, el kiuj „oni povas plene posedi nur unu lingvon, kun kio oni kreskis kaj vizitis la lernejon, ĉasis, parolis kun la fiakristo. Kiel vesto, kiu estas farita laŭ unu homo, ne taŭgas al alia, tiel ankaŭ lingvo", kiel diris la fama lingvisto mag. Joh. Aavik en sia parolado pri la lingvo internacia en la jaro 1927-a. Estas konata fakto, ke ofte junaj homoj finas la mezan lernejon kun minimuma scio de la germana lingvo, kiu estas instruata jam de la 3-a klaso de l' elementa lernejo. De tempo al tempo la universitato plendas, ke la junaj studentoj ne scias eĉ tiom la germanan lingvon por povi aŭskulti la germanlingvajn lekciojn kaj legi la literaturon. Do, kiel oni povas konstati, la multjara lernado de la germana lingvo estas sufiĉe senfrukta kaj senrezulta.

Sed tute absurda estas la instruado de la germana lingvo en la elementa lernejo, kie la infanoj ne ekposedas dum la *2* aŭ *3* jaroj eĉ la elementojn de la lingvo, kiujn ankaŭ baldaŭ forgesos la 80% de la infanoj (laŭ N. Kann, Päevaleht n-ro **41**, la 11. *2. 29*), kiuj ne havas la eblecon daŭrigi sian lernadon en la gimnazio. La konata pedagogo direktoro N. Kann skribas en „Päevaleht" n-ro 41 (de 11. 2. 1929): „. . . se ni konsideras, ke per dek lecionoj (en la semajno! H. S.) oni povas en la elementa lernejo tre malmulte lerni fremdan lingvon, kaj ke la kelkcent vortoj, kiujn oni tie lernas, rapide forgesiĝas, ni devas konfesi, ke tiuj dek lecionoj estis por la finintoj de l' elementa lernejo, kiuj ne daŭrigas la lernadon en la mezlernejo, tute malŝparita tempo".

Dum la kongreso de la Ligo de l' instruistoj de la distrikto Tartumaa la *29.* ĝis *30.* de aprilo 1928 en Tartu, A. Raudsepp, lerneja konsilisto de la sama distrikto, diris en sia referaĵo pri la instru-

ado de la fremdaj lingvoj: „En la elementaj lernejoj estas instruata nur unu fremda lingvo — la germana lingvo. Sed rezultoj ĉi-rilate estas malgrandaj.“

„Ankaŭ la lingvoscio de l' instruistoj ne estas granda. El la instruistoj de la distrikto Tartumaa 4% estas kaj teorie kaj praktike nekontentigaj, 11% bone posedas la germanan lingvon, kaj la resto havas nur pasivan lingvoscion.“

„De la pure praktika vidpunkto la celo de l' instruado de la germana lingvo estas pala kaj future oni malpli atentos ĝin.“ (Laŭ Postimees n-ro 116, de la 30. de aprilo 1928.)

Ne pli bonaj estus la rezultatoj, se anstataŭ la germana estus instruata la angla lingvo; male, la rezultatoj estus eĉ malpli nulaj. Ĉar la angla lingvo ne estas pli facila ol la germana, kiel kelkiuj pretendas, sed pro sia kurioza ortografio kaj neimitebla prononcado por la estonaj infanoj eĉ pli malfacila, des pli, ke ĝi estas ankaŭ pli fremda al la estona lingvo ol la germana. Krome oni malofte povas aŭdi en Estonio anglan parolon kaj en la bibliotekoj mankas anglaj libroj, kiu stato koncerne la germanan lingvon estas multe pli bona. Plue, kie oni prenu la instruistojn de la angla lingvo? Kiel do la lernejanoj povus ellerni la anglan lingvon, se jam konata anglofilo, preleganto pri la angla filologio kaj literaturo en la universitato, kiu multajn jarojn studis ĉe la anglaj kaj usonaj universitatoj, antaŭ kelka tempo plendis, ke pro manko de praktiko li komencas forgesi la anglan lingvon!

Sed estas klare, ke la plimulto de nia malgranda estona popolo ne povas pro la grava geografia situacio de la lando resti sen fremda lingvo. La sola solvo tie ĉi estus — ekinstrui la disvastiĝantan internacin lingvon Esperanto, kvankam ĝi ankaŭ ne havas sufiĉe grandan literaturon kaj uzantaron. Sed kiom valoras por la estono la granda literaturo de la angla kaj germana lingvoj kaj ilia alta kulturo, se li ne scipovas la lingvon! Prefere duona ovo ol malplena ŝelo, des pli ke Esperanto, faranta siajn unuajn paŝojn, estas sufiĉe esperiga, por baldaŭ doni ankaŭ la alian duonon de la ovo.

La krizo de la fremdaj lingvoj en la estona lernejo estas kronika. Pro tio la atmosfero estas por Esperanto tre favora, kaj ni ne preterlasu la okazon. Per sistema klarigado de l' afero kaj instruado de la lingvo inter la instruistoj kaj en la lernejoj ni firme proksimiĝu al la celo, subtenate de la tuta Esperanto-mondo, kies okuloj estu speciale turnitaj al nia promesplena lando.

Henr. Seppik.

(El „Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio“, Marto 1929.)

---

## Lernejaj karavanoj al la Foiro de Budapest.

Al multaj geinstruistoj Budapest estas nun konata, kiel urbo de la XXI-a kaj kiel loko de la unua oficiala pedagogia kurso de pastro Ĉe por geinstruistoj el diversaj landoj. Sed nur malmultaj scias, ke jam al la pasintjara foiro profesoro de bulgara komerca lernejo gvidis ekskurson de lernantoj kun kelkaj aliaj profesoroj. Nun venas denove simila okazo por interesa lerneja vojaĝo — kutima ĉe multaj mezlernejoj — kunligebla kun rabatoj, donitaj ne nur en Hungarujo, sed okaze de la foiro (3—12an de Majo) ankaŭ en la najbarlandoj. Oni do povas kunligi vojaĝon al Budapest kun trapaso de Vieno, Praha, aŭ Beograd, Bucuresti, Zagreb, ktp. laŭ la vojo. En Budapest oni povos ricevi esp. gvidon, prospektojn ktp. kaj tre malmultkostan tranoktejon en la studentaj hoteloj de la Urbo Budapest kun moderpreza manĝo. Uzu do la okazon, por fari vojaĝojn per Esperanto! Oni devas jam frue interrilati en la afero kun la Foiroficejo: V., Alkotmány-u. 8. aŭ la UEA-del.: Paŭlo Balkányi, Budapest VI, Hajós-ucca 15.

## Recenzoj.

G e o r g  S t r e i d t, E s p e r a n t o - L e h r b u c h  f ü r  V o l k s - u n d  M i t t e l s c h u l e n. (Esperanto-lernolibro por popol- kaj mezlernejoj. Parto I: Malsupera ŝtupo. 7-a kontrolita eldono.) Ferdinand Hirt kaj filo, Leipzig 1929, Esperanto-fako. 61 paĝoj. — La libro estas destinita por germanaj lernejoj. La unua parto jam en la 6-a eldono pligrandiĝis per kolekto de germanaj kaj internaciaj vortradikoj en Esperanto. Same kiel la aliaj tiu nova parto certe donos multajn instigojn al lernanto kaj al instruisto. Oni povus diskuti pri la rajto, kontentigi en unu libro instruanton kaj instruaton, ĉar ĉiam tia libro entenas malfacilaĵojn por la lernanto, kiuj restos malgraŭ perinstruista klarigo. Bone, ke oni ne plu parolas pri unua, dua, tria, kvara kazoj en Esperanto! Kial ne iomete plimoderniĝis la bildoj? (p. 22, Berlino!!).

---

## La rilato inter intuo kaj abstraktigo en instruado.

### Spirita tralaborado.

Ch. Comicescu, 1929, Cluj, Tipografia „Cartea Romaneasca" S. A., Rumanujo, rumanlingve kun franclingva resumo. Paĝoj 229. Prezo 130 Lei.

Tiu verko estas la tria laboro publikigita de la instituto por pedologio eksperimenta de la universitato Cluj, Rumanujo, sub gvidado de profesoro V. Ghidionescu.

La verko pritraktas la problemon, ke la instruado pluiru de intuo al la abstrakto. Praktiko de nuna lernejo ofte danĝeras, ne sufiĉe atenti la rolon kaj signifon de abstraktigo; kiel antaŭe oni malatentis la intuon. Nuntempe la instruisto donas intuajn detalaĵojn, kiuj ne kunteniĝas; mankas ofte la funkcioj de rilatado kaj de ĝeneraligo. La aŭtoro provas defendi la abstraktigon en la instruado.

La unua parto de la verko montras intuan ekkonon de infano, la dua la abstraktan, kaj la tria, ke ekkonoj intua kaj abstrakta nur estas polusoj de sama procedo, kiun la aŭtoro nomas „spirita tralaborado".

Unue la aŭtoro raportas pri la laboroj kaj eksperimentoj de aliaj aŭtoroj, poste sekvas liaj propraj. Je intua ekkono li konsentas la teorion de „tuteca percepto". Tio ne malhelpas lin, aparte rigardi la signifon de koloro kaj de formo. Li konstatas, ke percepto de tuto kaj de koloro antaŭiras perceptojn de detalaĵoj kaj de formo. Krome li akcentas, ke la instruisto ne povas ne scii pri kapableco, percepti kaj ekkoni bildojn dum diversaj aĝoj, pri tipa percepto de la infano, kaj pri kapableco, percepti plurajn objektojn laŭ egaleco aŭ diverso. Do estas pedagogia postulo el ĉiuj pedologiaj faktoj tiaj, ke solide percepta kono nur estas akirebla laŭ jenaj kondiĉoj: unue tuteca percepto, due disigo en detalajn perceptojn; ĉe tio lernantoj neniam forturnu la rigardon de la strukturo tuteca, ĉiam ili vidu la elementojn diversajn en iliaj rilatoj al la tuto.

La dua parto interesas precipe pro la propraj eksperimentoj de la aŭtoro. Li rigardas en infanevoluo la abstraktigon. Li eksperimentis kun 1350 geknaboj 7- ĝis 19-jaraj en popollernejoj, seminarioj kaj gimnazioj. La geknaboj ricevis la taskon, ordigi aŭ 50 bildojn (popollernejo) aŭ 50 vortojn (aliaj lernejoj) laŭ parenceco. La dek grupoj de la popollernejo estas (ĉiu grupo enhavis 5 anojn): dombestoj, dombirdoj, insektoj, arboj, legomoj, floroj, vestaĵoj, ŝuoj, muzikinstrumentoj, veturiloj. La tasko de pli aĝaj geknaboj estis pli malfacila: anstataŭ bildoj nur vortoj; skriba instruo pri uzo; vortoj kun abstrakta senco ne mankis. El la eksperimentoj la aŭtoro konstatas gravan rilaton inter abstraktiga kapabl-

eco kaj vorttrezoro, gravan diferencon inter knaboj kaj knabinoj (ĝenerale knaboj superas knabinojn, speciale knaboj superas ĉe klasifiko de konkretaj enhavoj, knabinoj ĉe klasifiko de sentoj kaj de veteraĵoj). La plej grava rezulto por la aŭtoro estas: Ĉe infano abstraktigo evoluiĝas preskaŭ de nekapableco al neklaraj formoj kaj plu al klareco bazita sur analizo kaj kritika intelekto. Ankaŭ la aŭtoro kredas esti pruvinta, ke instruado bone influas evoluon de abstraktiga procedo, ke tiu procedo ankaŭ eblas en popollernejo interne de konkreta materialo.

La du unuaj partoj montris, ke en funkcio identas intuo kaj abstraktigo, ĉar ili ambaŭ progresas de nediferenco al ekzakteco kaj klareco. El tuteca percepto venas la intua sintezo, el ĝeneraligo malklara la sintezo abstrakta.

La lasta parto traktas pri „»tralaborado spirita« kiel senco de la pedagogia diro" de konkreto al abstrakto, t. e. al abstrakta ĝenerala ideo. Por la aŭtoro la akcento estas sur abstraktigo, ĉar li opinias, ke moderna pedagogia praktiko tro malatentas ĝin. Li aludas, ke ĉiu intuo entenas la abstraktigon kiel proceden de izoligo, ke aliflanke abstraktaĵoj ĉiam enhavu intuan apogilon. Konkretaj nomas li ankaŭ tiajn abstraktajn ideojn, kiuj efikas same klare kaj ekzakte kiel intuoj, ke ili povas esti fundamento por novaj operacioj intelektaj. Tio ja estas la kialo, ke ni ne povas percepti konkretajn elementojn sen abstraktaĵoj en nian spiriton; reciproke dependas unu de la alia, dum la procedo de prilaborado. Tre bone laŭ mia opinio ankaŭ en la franca resumo esprimas la aŭtoro la rilaton inter ambaŭ per bildo de linio: „Oni ne kredu, ke la vojo de konkreto al abstrakto estu supreniranta linio kontinua; ĉi-kaze la abstrakto entenus la konkreton en pli kaj pli malforta potenco kaj ĝia kontakto kun la reala mondo povus esti interrompebla. Reigo de abstrakto al konkreto tre necesas, por povi pruvi iel la valoron de ideoj ĝeneralaj. Transiro de konkreto al abstrakto estu rigardata linio en zigzago; sekvante ĝin, ni alportas iom post iom abstraktaĵojn sur la konkretan regionon."

Tiel analizo kaj sintezo estas samtempaj funkcioj en la prilaborado spirita. Analitika estas elemento rilate al la tuto, el kiu ĝi venas, sed sintetika por la tuto, al kiu ĝi aliĝas. Nur tiamaniere tralaborado spirita montriĝas sen interrompoj. Kion Herbart neniam intencis per siaj formalŝtupoj, faris la posteuloj: ili disrompis la unuecon de pripensado.

Tasko de la instruado estas, starigi tipon idealan de tralaborado spirita, en la senco ke ekkono estu organizota laŭ ekonomio de la fortoj, per rimedoj kiel ebie plej sukcesplenaj. Celo estas spirita aktiveco, sed ne formale-sistema, kaj ne laŭ donita modelo. Pedagogia demando estas, kiel konduki la infanojn al tiu celo. La aŭtoro akcentas, ke infano ne estas malgranda plenaĝulo, sed ke ĝi volas estiĝi plenvalora homo. Sur ĉiu ŝtupo oni povas trovi ion ajn, por labori laŭ nia celo — pliperfektigo. „La instruado bone devas konsideri la kapablecojn spiritajn de la infano, sed neniam forgesi la formadon de la homo, ĉar la vivo ne estas agregato de fragmentoj, sed pli multe tuto perfekta kun varieblaj aspektoj."

La aŭtoro ankoraŭ klarigas kelkajn pedagogiajn praktikaĵojn per tiuj teoriaj konsideroj kaj fine ree akcentas, ke valora instruado nur estas ebla per plenaj aktoj de pripensado, per tralaborado de detalaĵoj al tuto.

R. Wappler, Dresden.

---

# Kunlaborado.

## Martha Moelke kaj D-ro Dietterle.

Ĉar la redaktanto de nia IPR disponis al ni kelkan spacon en nia gazeto, ni volonte uzas ĝin, por denove doni klarigojn pri nia laboro, kies esenco ankoraŭ nuntempe ŝajnas ne sufiĉe komprenata de kelkaj gekolegoj. Cetere por la novaj abonantoj de IPR tiuj klarigoj ankaŭ ne estos superfluaj.

## Nia laborprogramo.

La nomo „Kunlaborado“ eble estas iomete erariga. Ni ja ĉiuj laboras kaj kunlaboras kun aliaj ie kaj iel ajn. Sed estus ankoraŭ pli erarige ŝanĝi la nomon, ĉar la atentaj legantoj de IPR jam bone komprenas, kion ĝi signifas, nome „Kunlaboradon de IALA (International Auxiliary Language Association, Incorp.) en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Genève kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig.

IALA komisiis la laste nomitan instituton

1. liveri la materialon necesan por siaj esploroj rilate la Esperanto-movadon inter la instruistaro kaj la lernejoj (prilaboritan je tre diversaj vidpunktoj, precipe rilate la praktikan kaj idealan valorojn de Esperanto por pedagogiaj celoj);
2. liveri pedagogian materialon pri Esperanto al Instituto J. J. Rousseau, kies direktoro, prof. D-ro Bovet en Genève, estas samtempe prezidanto de la Internacia Edukoficejo.

El tio rezultas unue laboro statistika tre diversflanka, due por la komenco la ekstera aranĝo de la „testo“-afero, kiu por prof. D-ro Bovet estas tre grava. Ni diris „por la komenco“, ĉar ni vidas ankaŭ ankoraŭ multajn aliajn taskojn, el kiuj ni post la du nomitaj antaŭ ĉio atakis la demandon pri Internacia Korespondo-Oficejo.

Ĉiujn ĝisnunajn laborojn, ankoraŭ tute ne finitajn bonvolu rigardi kiel la enkondukan vojon al pli alta celo, nome havigi al IALA materialon similan — sed multe pli ampleksan — kiel liveris ĝin la Pedagogia Esperanto-Konferenco, aranĝita antaŭ kelkaj jaroj de la ĝenerala sekretariejo de la Ligo de Nacioj.

Tio kion ni bezonas ne estas deziroj, propagandaj proponoj, pli aŭ malpli erarigaj, taksoj kaj opinioj pri Esperanto, sed nur „f a k t o j“, kiuj montru la faktan disvastiĝon de Esperanto en la lernejoj de la tuta mondo kaj en la rondoj de l' instruistoj kaj konstatu rezultojn nepre ne forigeblajn, ĉar ili estas pruvitaj per faktoj.

### Testoj.

Prof. Bovet ellaboris por la celoj de siaj institucioj testojn, kiujn ni forsendis en ĉiujn landojn. Bedaŭrinde, sed — ĉar ili estas la unua eksperimento en pli granda stilo — kompreneble ilia celo ne tuj estas komprenita de ĉiuj, kiuj ricevis ilin. Pri ĉi tiu situacio ni jam raportis en IPR. Eble kaj verŝajne nova eksperimento sukcesos pli bone. Tamen ni ricevis ankaŭ laŭplane plenigitajn kaj por prof. D-ro Bovet uzeblajn testojn. Ili liveris materialon por li, laŭ kiu li, kiel pedagogo, povas tute objektive juĝi pri la pedagogia valoro de Esperanto kaj fari konkludojn pri ĝi.

Li nun intencas, fini ĉi tiun parton de sia laboro. Pri tio ni jam sciigis niajn testo-kunlaborantojn. Tamen ni denove petas ankaŭ ĉi tie, ke ĉiuj kiuj ankoraŭ laboras sub kondiĉoj, kiuj ebligas al ili la uzadon de la testo-formularoj, ke ili sciigu nin t r e baldaŭ, ĝis kiu tempo ili povos resendi la materialon, por ke prof. D-ro Bovet povu definitive decidi pri la fino de sia laboro. Ni petas denove la kunlaborantajn gekolegojn, ke ili ne influu la gelernantojn iel ajn dum ilia laboro por la testoj, ni denove sciigas, ke nur kompletaj testoj estas utilaj, ke ili devas esti sendataj sen korektoj flanke de la instruistoj. Cetere estas tre dezirinde, ke ĉiuj esprimu sian opinion pri la testoj mem kaj pri la de ili faritaj spertoj kaj pri la stato de la koncernaj infanoj.

### Statistiko.

A.

La sciigoj lastfoje de la sekretariino oficiale faritaj pri la nombro de l' esperantistaj instruistoj jam ne plu valoras. Ŝi raportos pri tio tre baldaŭ. Hodiaŭ ni

nur volas sciigi niajn legantojn, ke en niaj manoj ni jam havas „materialon" pri ekzistado de pli ol 5 000 esperantistaj „geinstruistoj". Ni akcentas la vorton „geinstruistoj". Ne temas pri „instruantoj" t. e. ne pri personoj, kiuj havante alian profesion ol tiun de profesia instruisto okaze instruas Esperanton en kluboj, kursoj, cirkloj, lernejoj ktp. — Ni kolektas n u r la adresojn de profesiaj instruistoj, kiuj estas edukitaj kiel instruistoj en seminarioj aŭ universitatoj, faris instruistan ekzamenon kaj okupas oficialan postenon de profesia instruisto en iu ajn ŝtata, provinca, urba aŭ privata lernejo.

Se ni volus akcepti en nian adresaron ankaŭ aliajn — certe tre respektindajn kaj de ni respektatajn — personojn, kiuj instruas Esperanton pro iu ajn kaŭzo, ne estante profesiaj instruistoj, nia tuta statistiko pri „esperantistaj instruistoj" tute ne valorus ion. Ĝi ne estus taŭga, por esti oficiale uzata antaŭ ministerioj ktp., ankaŭ ne por TAGE.

Neniu antaŭ kelkaj jaroj — eĉ ne ni mem — sciis ion pri la nombro de pli ol 5 000 esperantistaj instruistoj en 55 landoj. La fiksado de la nombro sur fidinda bazo bezonas multe da laboro. Sed ni havas la nepran konvinkon, ke fakte ĝi povus esti facile pligrandigata, se oni anoncus al ni la ĝis nun ne atingitajn mainovajn kaj la novajn adeptojn en nia kolegaro. La propagandistoj, kiuj nuntempe laboras sufiĉe sukcesplene, havas la nepran devon, atentigi ĉiujn geinstruistojn, por ke ili anoncu sin kiel por Esperanto gajnitajn kolegojn.

Estus ja dezirinde, ke ili instigu ilin ankaŭ, aliĝi al TAGE kaj IPR — sed pro la spertoj faritaj ĝis nun, ni modeste rezignu al tia peto. Ŝajnas fakte, ke la plej simpla penso estas la plej malfacila, alie ĉiu vere konvinkita esperantista kolego — ankaŭ sen instigo de aliaj — komprenus la simplan veron, ke neniu ideo en la mondo povas progresi, se ĝiaj anoj ne komprenas la gravecon de organizado kaj ne agas laŭ tio, kio evidente estas necesa. Ni, iom ŝanĝante vorton konatan, nur volas diri: „Instruisto, kiu lernis nian lingvon sed ne aliĝas al TAGE, estas kiel persono aĉetinta telefonaparaton kaj forgesinta aboni. Sen ligilo kun la tutmondaj kolegoj, sen fakgazeto, li ne povas interkomuniki. Li plenumis la plej malfacilan kaj multekostan parton de la klopodo kaj forgesis la esencaĵon. Se vi posedas la lanternon, nun lumigu ĝin."

B.

Multo, kion ni diris, valoras ankaŭ pri la lernejoj. Estus tre dezirinde, ke minimume ĉiujare unufoje, ĉe la komenco de nova Esperanto-kurso en lernejo, la koncerna kolego, kiu instruas, sciigu nin pri ĉi tiu fakto, tre ekzakte raportante pri la nomo, speco kaj adreso de la koncerna lernejo. Kun bedaŭro ni konstatas ankaŭ hodiaŭ, ke ni ne povas fidi al gazetinformoj pri instruo de Esperanto en lernejoj. Tre ofte ili montriĝis neĝustaj, ne laŭveraj. La raportanto aldonu sian nomon al tiaj sciigoj, por ke ni povu interrilati kun li. Ŝajnas, ke tre ofte pri tiaj aferoj raportas homoj, kiuj tute ne estas kompetentaj raportantoj. Ili eble aŭdis, ke oni deziras enkonduki Esperanton, aŭ ili mem proponis tion. Deziroj kaj proponoj ankoraŭ ne estas „faktoj". Tamen ŝajnas, ke nia statistiko, kiu montras 745 lernejojn kun Esperanto en 38 landoj, estas konfidinda; ĝi p o s t restas kaj ne antaŭiras la faktojn.

**Korespondo-Oficejo.**

Ĉi tiu entrepreno ja estas nur en komenco-stadio. Ni esperas ke ĝi prosperos. En relative tre mallonga tempo kaj sub nebonaj kondiĉoj (ĉar IPR aperas ankoraŭ nur kun por ni tro grandaj paŭzoj!) anoncis sin jam 88 kolegoj el 20 landoj, nome (ili estas ordigitaj laŭ la nombro de l' partoprenantoj):

Germanujo
Rusujo

Latvujo
Nederlando
Svedujo
Polujo
Aŭstrujo
Ĉeĥoslovakujo
Anglujo
Hispanujo
Litovujo
Argentinio
Belgujo
Bulgarujo
Ĉinujo
Estonujo
Finnlando
Hindujo
Jugoslavio

Estas anoncitaj 52 klasoj aŭ lernejoj el 13 landoj, nome:

Germanujo
Rusujo
Grekujo
Aŭstrujo
Svedujo
Estonujo
Nederlando
Belgujo
Italujo
Jugoslavio
Latvujo
Litovujo
Usono

Jam alvenis plendoj, ke serĉas korespondon gekolegoj, kiuj tute ne sufiĉe scipovas Esperanton. Kompreneble certa kvanto de kono de la lingvo estas kondiĉo necesa. Sed oni estu ankaŭ pacienca kaj la spertuloj helpu, eduki kaj instrui la komencantojn. Ili, gvidataj de spertulo, ofte tre baldaŭ sukcesas. Multe pli malagrablaj estas la plendoj, ke oni eluzas la korespondadon inter gelernantoj, por fari politikan propagandon. Kompreneble ni ne povas kvazaŭ algluigi etiketon al ĉiu nomo, kiu montru la politikan sentadon de l' korespondema kolego aŭ lernanto. Sed ni petas ĉiun, kiu volas labori kun kaj por ni, kaj ne malhelpi la laboron de nia Korespondo-Oficejo, ke li pripensu la sekvojn de sia agado. Li tre facile povas endanĝerigi siajn korespondantojn en landoj, kie ekzistas ankoraŭ io, kio similas la „poŝtcenzuron", se ili ricevas leterojn kun enhavo, kiu estas kontraŭ la reganta politiko de l' koncerna lando.

Cetere ni tute ne celas — tion ĉiu faru sur alia vojo, se li deziras tion — doni per nia Korespondo-Oficejo iun ajn apogilon por nacia aŭ kontraŭnacia, religia aŭ kontraŭreligia propagando. Ĝi lastcele intencas nur montri la praktikajn kaj la idealajn valorojn de Esperanto.

Unue estas necese, ke „la ĉaro moviĝu" en nia Korespondo-Oficejo. Pri venontaj planoj kaj eksperimentoj ni ĝustatempe informos niajn kunlaborantojn kaj faros konkretajn proponojn, kiamaniere ĉiu povas eluzi ankaŭ la korespondaĵojn internaciajn, por helpi al la tuta Esperanto-movado. Bonvolu sciigi nin, se vi ne havas korespondantojn aŭ se vi havas sufiĉe da ili. Kaj nun tre praktika konsilo: Afranku viajn kartojn kaj leterojn sufiĉe ĝuste, por ke la adresitoj ne devu pagi la duoblan alpagon.

### Ĝeneralaĵoj.

Entute, kvankam ni havus ankoraŭ multajn dezirojn, ni povas konstati, ke la aferoj de Kunlaborado progresas. Verŝajne la legantoj de IPR ne povos imagi al si, ke ni jam havas sufiĉe grandan oficejon plenan de diversspecaj kartotekoj, de aktoj kun notoj de korespondaĵoj, ke la laboro jam konsumas la tutan forton de sekretariino. Nur, post kiam oni mem estas komencinta tian laboron, kiu celas ordigi la aferojn de unu sola fakorganizacio en Esperantujo, oni vidas, kian gigantan laboron postulas la laboro por la tuta Esperanto-movado, se ĝi devas funkcii laŭdezire.

Ni estu dankaj al IALA, kiu ebligas al ni, laborante por ĝiaj esploroj, samtempe labori por nia kolegaro mem. Ju pli bone ni servos al ĝi, des pli kontentige ni samtempe solvos niajn proprajn demandojn.

Konservu ĉi tiun folion,
kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 4.

# A

## Skemo por rubriko A (por gekolegoj):

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kiagrada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.

La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 74.**
1. Nelly Siegenthaler 2. instruistino? 3. 20-jara 4. b) General Roca c) F. C. C. A. d) Argentino 5. samideaninoj el la angla Hindujo, Arabujo kaj Finnlando 6. iu ajn temo.

**N-ro 75.**
1. Sophie Cipera 2. ĉeflerneja instruistino 3. ? 4. a) Schubertstrasse 42 b) Linz a. D. d) Aŭstrujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. la demando: ĉu iu volas pasigi kun ŝi kaj ŝia fratino la feriojn de 5. Julio—30. Aŭgusto en Italujo, por ekzerci Esperanton.

**N-ro 76.**
1. Dobri Todorov 2. instruisto en mezlernejo 3. 43-jara 4. a) Skobelev 54 b) Provadio d) Bulgarujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. naturscienco, ŝanĝo de naturobjektoj, vidaĵoj, fotografaĵoj 7. preferas konatiĝi kun la metodoj instrui botanikon en mezlernejoj kaj la floro de diversaj landoj.

**N-ro 77.**
1. Wilhelm Hoffmann 2. instruisto en popollernejo 3. 33-jara 4. a) Höhenweg 1 b) Quedlinburg a. Harz d) Germanujo 5. gekolegoj kaj aliaj geesperantistoj, kiuj interesiĝas pri la belega Harz-Montaro aŭ emas viziti ĝin 7. reciproka vizito dumferia, interŝanĝo de tipaj belaj bildkartoj taŭgaj por epidiaskopo, poŝtmarko bildflanke.

**N-ro 78.**

1. Rudolf Richter 2. instruisto en knabpopollernejo 3. 30-jara 4. a) Breite Strasse 25 b) Pirna c) Saksujo d) Germanujo 5. popolinstruistoj el ĉiuj landoj 6. pedagogiaj temoj 7. interŝanĝo de infandesegnaĵoj, infanverketoj, fotoj, bildoj, raportoj pri la koncerna lando, gazetoj ktp.

**N-ro 79.**

1. Johannes Schröder 2. popollerneja instruisto 3. 45-jara 4. a) Schule b) Marbach c) Amtsh. Döbeln, Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj, kiuj instruas infanojn de la unua lernjaro 6. lerneja laboro en la I-a lernjaro 7. tre detala priskribo de la metodoj, interŝanĝo de infanversaĵoj kaj infankantoj (kun muziknotoj), kiuj estas lernotaj dum la I-a lernjaro.

**N-ro 80.**

1. Rudi Wappler 2. studento de pedagogio (popollerneja) 3. 24-jara 4. a) Hechtstrasse 117, II b) Dresden-N. 23 c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. Esperanto-instruado, lingvo-filozofio 7. permuzika edukado de idiotetoj kaj malbone edukeblaj infanoj.

**N-ro 81.**

1. Elizabeto Videnieks 2. instruistino? 3. ? 4. a) Avotu iela 34 dz. 7 b) Riga d) Latvujo 5. gesamideanoj de ĉiuj landoj 6. diversaj temoj.

**N-ro 82.**

1. F. J. Eldering 2. instruistino? 3. ? 4. a) Roelof Hartplein b) Amsterdam d) Nederlando 5. hispanaj samideanoj 6. literaturo.

**N-ro 83.**

1. M. Grimberg 2. instruistino? 3. ? 4. a) Overtoom 478,I b) Amsterdam d) Nederlando 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. literaturo.

**N-ro 84.**

1. Chr. J. van der Hor 2. instruistino? 3. ? 4. a) Hoestraat 11/II b) Amsterdam Z. Nederlando 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. kutimoj kaj ceremonioj en diversaj landoj 7. interŝanĝo de ilustritaj poŝtkartoj.

**N-ro 85.**

1. Elly Kropveld 2. instruistino? 3. ? 4. a) Eiklaan 9 b) Rijswijk apud Haag d) Nederlando 5. italaj samideanoj 6. muziko kaj floroj.

**N-ro 86.**

1. P. Kirjuŝin 2. docento en Blankrusia Terkultura Akademio (fakoj-filozofio kaj sociologio) 3. 31-jara 4. a) Belorusskaja Sel-Hoz. Akademia b) urbo Gory-Gorni d) Rusujo 5. gekolegoj el ĉiuj superaj lernejoj en la lingvoj Esperanto, rusa, angla, franca, germana, pola, itala, hispana, portugala 6. demandoj de sia fako 7. interŝanĝo per la literaturo pri filozofio, sociologio, politiko kaj verkoj en la menciitaj lingvoj.

**N-ro 87.**

1. Osk. Utela 2. instruisto? 3. ? 4. b) Sippola d) Finnlando 5. gesamideanoj el ĉiuj landoj 6. diversaj temoj 7. interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn.

**N-ro 88.**

1. Mieczysław Sygnarski 2. profesoro en mezlernejo (klasika gimnazio) 3. 40-jara 4. a) Kordeckiego 19 ) Bydgoszcz d) Polujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. ĉiuj temoj 7. interŝanĝas ilustritajn kartojn (bildflanke), kolektas poŝtmarkojn.

**N-ro 89.**

1. Vladimir Mioduŝevski 2. gvidanto de junpioniroj ĉe popollernejo 3. 18-jara 4. a) Poĉajevska 44 b) Kiev c) Ukrainio d) Rusujo 5. ĉiuj landoj, kun gvidantoj kaj laborantoj de infanorganizaĵoj, kun lernantoj 6. infanmovado, laborista kaj junula movado, politiko, turismo ktp. 7. interŝanĝas belajn p. i., fotojn, geogr. kartojn, plakatojn, insignojn, il. gaz. Precipe kun eksterеŭropaj landoj.

**N-ro 90.**

1. Harm. Jacob Jonker 2. estro de unuagrada lernejo 3. 38-jara 4. a) — b) Blyham c) Groningen d) Nederlando 5. kolegoj ĉinlandaj 6. geografio en lernejoj.

**N-ro 91.**

1. Jantina Nyboer 2. instruistino de unuagrada popollernejo 3. 44-jara 4. a) — b) Blyham c) Groningen d) Nederlando 5. koleginoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas il. poŝtk.

N-ro 92.
1. Remko Jan Kuiper 2. estro de popollernejo 3. 40-jara 4. a) — b) Bellingwolde c) Groningen d) Nederlando 5. kolegoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas il. poŝtk.

N-ro 93.
1. Egbertus Jan Boltjes 2. lernejestro daŭriga de unuagrada lernejo 3. 41-jara 4. a) — b) Winschoten c) Groningen d) Nederlando 5. kolegoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo.

N-ro 94.
1. Otto Persson 2. popolinstruisto 3. 43-jara 4. a) Köpmangatan 57 b) Eskilstuna c ) Södermanland d) Svedlando 5. iu hispano 6. diversaj temoj 7. tempo por la korespondado ĉefe dum la somermonatoj.

N-ro 95.
1. Gunnar Bringer 2. popolinstruisto 3. 33-jara 4. a) Kvarngärdesgatan 6 b) Eskilstuna c ) Södermanland d) Svedlando 5. hispana instruisto 6. ĉio.

N-ro 96.
1. Elsa Sundgren 2. popolinstruistino 3. 29-jara 4. a) Strandgatan 18 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. ? 6. iu ajn temo.

N-ro 97.
1. Edit Grundmark 2. popolinstruistino 3. 41-jara 4. a) — b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. instruistino 6. ĉio.

N-ro 98.
1. Hulda Larsson 2. popolinstruistino 3. 49-jara 4. a) — b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. instruistino 6. ĉio.

N-ro 99.
1. Greta Andersson 2. popolinstruistino 3. 31-jara 4. a) Sylen 8 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. interesa estona instruisto 6. muziko, arto kaj diversaj aferoj.

N-ro 100.
1. Karin Fahlander 2. instruistino en knabina gimnazio 3. 40-jara 4. a) Stensborgsgatan 6 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. Estonio 6. literaturo.

N-ro 101.
1. Dora Ahlmann 2. popolinstruistino 3. 52-jara 4. a) Fjärilen 4 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. Estonio 6. literaturo.

N-ro 102.
1. Tora Mattsson 2. popolinstruistino 3. ? 4. a) Skarpskytten 1 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 6. Germanio 6. ĉio.

N-ro 103. —
1. Anna-Lisa Törnquist 2. popolinstruistino 3. 24-jara 4. a) Eskilshem 15 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. Anglio 6. ĉio.

N-ro 104.
1. Greta Andersson 2. popolinstruistino 3. 28-jara 4. a) Kungsgatan 53 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. Afriko (prefere negro) 6. ?

N-ro 105.
1. Anders Weiner 2. popolinstruisto 3. 46-jara 4. a) — b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. geinstruistoj 6. vojaĝado.

N-ro 106.
1. Ruth Edenburg 2. popolinstruistino 3. 25-jara 4. a) Bergsgatan 8 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. instruisto 6. instruado.

N-ro 107.
1. Frida Bondeson 2. popolinstruistino 3. 48-jara 4. a) Oestergatan 8 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. pola instruistino.

N-ro 108.
1. Ester Bäckman 2. popolinstruistino 3. 33-jara 4. a) Floragatan 28 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. ? 6. ?

N-ro 109.
1. Anna Svenson 2. popolinstuistino 3. ? 4. a) Smeden 23 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. amerika instruistino.

N-ro 110.
1. Margit Eriksson 2. popolinstruistino 3. 31-jara 4. a) Eleonoragatan 1 b) Eskilstuna c) Södermanland d) Svedlando 5. tute egale 6. same.

# B

## Skemo por rubriko B (por gelernantoj):

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.
Al 3. Nepre necese!
Al 4. Vidu al 2.!
Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj“.
Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

**N-ro 49.**
**Germanujo** 1. Kalkberge bei Berlin 3. 1 junulo (oficisto-lernanto) 4. 17-jara 5. ĉiuj landoj 6. interŝanĝo de poŝtkartoj, poŝtmarkoj, bildoj ktp. 7. instruisto H. Liedtke, Chausseestr. 6, Kalkberge bei Berlin, Germanujo.

**N-ro 50.**
**Germanujo** 1. Marbach (Amtsh. Döbeln, Sachsen) 2. popollernejo 3. 6 knaboj kaj 5 knabinoj 4. 11—14-jaraj 5. ĉiulandaj infanoj 6. laŭ bontrovo 7. instruisto J. Schröder, Marbach (Amtsh. Döbeln, Sachsen) Germanujo.

**N-ro 51.**
**Germanujo** 1. Oederan (Sachsen) 2. popollernejo 3. 23 knaboj 4. 13—14-jaraj 5. geknaboj de ĉiuj landoj 6. interŝanĝo de ilustritaj kartoj, leteroj pri infanaj temoj 7. instruisto Weitzmann, Oederan (Sachsen) Germanujo.

**N-ro 52.**
**Germanujo** 1. Worms (Rhein) 2. popollernejo 3. 25 gelernantoj 4. 12—14-jaraj 5. kun ĉiulandaj infanoj 6. porinfanaj temoj 7. Fr. Pfaff, instruisto, Sebastian-Münsterstr. 12, Worms, Germanujo.

**N-ro 53.**
**Polujo** 1. Bydgoszcz 2. gimnazio kaj supera komerca lernejo 3. 80 lernantoj kaj 30 lernantinoj 4. 15—20-jaraj 5. gelernantoj ĉiulandaj 6. diversaj temoj (volonte per ilustritaj poŝtk.) 7. profesoro Miecz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz, Polujo.

* *

**Notoj pri antaŭaj numeroj:**

**N-ro 12** de rubriko A ne plu bezonas korespondantojn.

* *

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn bonvolu ilin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

---

PRESO: HEROLDO DE ESPERANTO, KÖLN

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.